# PENSEO

N-ro 296

jun. / 2016

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 27-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### filantropio

multaj homoj prenas monon kiel rubon
dum aliaj sin vivtenas per nenio.
nun loĝante inter la riĉaj kaj povraj,
mi akceptas ridon por filantropio.

2013.04. 2

### spite al jaroj

suĉante mamojn, esploristoj pretendadas ke
nun ili vidis
naskiĝon de la kosmo antaŭ miliardoj,
pereon de la viroj post kvin milionoj...
sed ne atentas ke mortantas inoj en la militaj
hazardoj.

2013.04. 9



### soleco ekster telefono

soleco vagas nuda tra tumulta urbo.
la ruĝa lampo stare nur oscedas blinda.
geviroj spektas birdojn en la mano paŝe,
sed la vaganton taksas vakse nevidinda.

2013.04.14

### venu, nun mi povas...

post pano kaj bano, mia koro saltas kiel rano.
sur la luno desegnita, belulino ludas kun si
sole.
venu, nun mi povas...
pri infano babiladi per la fingroj kun vi fole.

2013.04.16

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Surscenejo

La homo el argilo
nur orgojlon elŝvitas
en sia frivola
ekzistmetio.

Movas lin sekreta
soifo je aplaŭdoj
kaj laŭroj:
efemera feliĉo,
senbrida angoro.

*Juiz de Fora, 29/04/2016.*

### En majo

Mi ekelpetaligas
la tagojn de ĉi tiu majo,
kiu rapide anoncas
la subtilan naskiĝtagon.

Do violonoj kaj flutoj
ekverŝas ĝojon

en la krudecon de l' koro.

Tiam vekiĝas konfuzego
el tre antikaj voĉoj,
kiuj silente dialogas
kun la memor' de l' estonto
kaj traboras la horojn
de ĉi eterna estanto.

**Juiz de Fora, 08/05/2016.**

Rigardo

Indiferenta
ĉevalo blanka
paŝtiĝas
ĉe angulo de l' placo
kaj malorganizas
la matenon fridan
de ĉi tiu majo
kiu finiĝas poezie.

*Juiz de Fora, 26/05/2016.*

## Mori (Usono)



AFORISMe (14)

La plej alta
Stelo
Estu via
Celo!

***

La vivo de
kontenta almozulo
pli bonas ol la vivo
de riĉa ĵaluzulo!

***

Kiu komencas
fajron de malamo
estu preta
por ĝia flamo!

***

Estas stulte
Interbato
de homoj sur la
sama boato!

***

Saĝo
kune kun kuraĝo
estas granda
avantaĝo!

***

Pri la trompoj de
demagogoj
kaj subpremo de
despotoj
respondecas
indiferentuloj
kaj idiotoj.

***

En politiko
ne gravas la sceno,
sed gravas
malantaŭ la kurteno!

***

Kiu parolas bone
pri aliaj uloj
aperas kiel bonulo
en alies okuloj.

***

En malgranda ovo
estas granda
vivpovo!

***

Via konduto
rilate al aliuloj
Multon diras pri vi
samkiel speguloj.

***

Kiam kontraŭ malamo,
Amo estas l' respondo
tiam homaro vivas
en la paradiza mondo!

***

Kiam ajn
oni traktas vin
afable,

reflektu la afablecon
duoble.
***
Ne eblas
paroli multe
kaj ne paroli
stulte!
***
Ne gravas
via akademia diplomo
sed gravas via konduto
kiel homo!

## Cezar (Germanujo)



### Semajno de nelaboremulo

Tag’ lundo estas aĉa tag’,
ne tag’ laŭ mia gusto.
Kaj mardo estas servotag’,
do ne la tag’ de l’ justo.

Merkredo estas laŭ diet’
kaj jaŭd’ eĉ pli malplaĉe.
Kaj, se ne estus la vendred’,
mi malsaniĝus aĉe.

Sabate pigras mi ĝis manĝ’
por posta dormprofundo.
Kaj se alvenis la dimanĉ’,
minacas jam tag’ lundo.



### Preskoboldo

Homo, skribu senerare,
ne tro hastu fuŝe-fare.
Se vi vian menson uzas,
la koboldo ne plu ruzas.
Por l’ fiulo tio endas,
ke vi fuŝskribitan sendas,
tial uzas li fifortojn,
tordas, murdas ofte vortojn.

Homo, skribu do pli lante,
ne sencsene aŭ tro vante.
Se vi ĉiam nur pavvortus,
la Satano vin forportus!

Homoj, se vi iam vidas,
ke la preskoboldo ridas,
skribu tuj al la aŭtoro
pri eraroj sen vervforo!

"Fido per si mem ja bonas,
sed kontrolo eĉ pli spronas."
Lenin verkis, la ruzulo;
kun rikano ĉe l’ postulo.

*PS: Kontrolo legas ankaŭ kiel kont-rolo kaj la prezkoboldo estas frato de la preskoboldo.*

## Dimitrije Janiic (Serbujo)



### LA TEO KAJ LA AMO

Ni trinkis la teon
kaj montris unu la alian
dum okuloj niaj
paroladas amon
kaj gusto de teo
memorigis dolĉecon
de montritajn lipoj.

Ni trinkis la teon
kaj montris unu la alian
kaj en rigardo revis
ĉiujn rakontojn de tea arbo
el iu malproksima ĉina loko.

Ni trinkis la teon
kaj montris unu la alian
dum varma akvo kolorita

per teaj folietoj
flustris al ni amon.

Ni trinkis la teon
kaj montris unu la alian
kaj aprilaj folietoj de tea arbo
kiuj donacas longdaŭrecon
kantas pri nia amo.

Mi demandis ŝin
ĉu Sja ĉa kiu en teo vivas
ankoraŭ loĝas en lia koro
kie dezirus mi esti.



## Blazio VAHA (Hungarujo)



### Hoj, maristido!

Startu bone, fartu bone,
vin esprimu ĝustatone,
tamen vin beton' ne fiksu,
nek stultaĵojn ci remiksu.

Fartu bone, startu bone
vin esprimu akratone.
Sen blasfem': akcenton - metu,
Post pripenso paŝi - pretu.

Hoj, ho hoj! Ne timu ondojn,
nek misuzu ies kontojn,
Se motor' paneos, velu,
se eĉ vento strikos, remu!



## Paŭlo Silas (Brazilo)



### NOVA ERAO

Kreskanta nub', en horizont', anoncas
Alvenon de la nova era'.
Aperas buŝ' kaj novon tuj prononcas
Laŭ stilo, kiu iras tra

Korzorgoj kaj menshezitoj, timo;
Singardo kaj prudent' juĝikapabla;
Sku' tuŝas tutan mond-originon.
Viŝiĝis de sur ĝi la spur' cikatra.



## Takashi ITO (Japanujo)



### jen kokcinelo

floras "sakura"
jen paŝetanta korvo
sola ek-strabas

nu verdan teon ...
gvatas tra fenestro ho!
petaloj ŝvebas

obskura luno ...
obsedate de versi
modeste dormas

jen kokcinelo
imitas etan fragon
inter folioj



## Carlos Drummond

# Poemo pri nepra devo

Oni Johanon nepre edzigu ,
nepre Antonon eltenu ,
Melkiadeson nepre malamu ,
oni nepre nin ĉiujn anstataŭigu .

Nepre la landon oni savu ,
Dion nepre kredu ,
siajn ŝuldojn nepre forpagu ,
nepre radiaparaton aĉetu ,
oni tiulinon nepre forgesu .

Nepras studi volapukon ,
ĉiam ebrie stati nepras ,
nepras legi Bodeleron ,
nepras florojn pluki ,
tiujn ĉe konataj aŭtoroj , nepre .

Oni kun homoj nepre vivu ,
ilin nepre ne buĉadu ,
nepras per palaj manoj anonci la finon de
la mondo.

*Elportugaligis*



**Ŭel Roŝa (Brazilo)**

## Edmondo De Amicis

# SE MI ESTUS PENTRISTO

Ne ĉiam temp' forviŝas la belecon
aŭ tanĝas ĝin la larmoj kaj la penoj:
mia patrin' fariĝis sesdekjara,
ju pli mi vidas ŝin, des pli ŝi belas.
Ne havas signon ŝi, rigardon, ridon,
agon kiu ne tuŝas mian koron;
se estus mi pentristo,
dumvive pentrus mi ŝian portreton!
Mi volus pentri ŝin klinavizaĝa
por kisi ŝian blankan haro-plekton,
aŭ dum, malsana aŭ laca,
ŝi kaŝas la doloron per rideto.
Eĉ se l' ĉiel' akceptus mian preĝon,
ne petus mi de Rafael' Urbina
lian penikon dian
por glore kroni ŝian vizaĝon belan;
mi volus ŝanĝi vivon kontraŭ vivo,
la forton doni al ŝi de miaj jaroj,
min olda kaj ŝin vidi
per mia sinofer' rejunigita.
Esperantigita de



**Andrés Turrisi**
**(Italujo)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



# Zhuangzi

## ĈAPITRO SESA

# La plej respektinda instruisto

**§06-02**

Nanbo Zikui damandis Nü Yu:

“Malgraŭ via granda aĝo vi aspektas kiel infano. Kial?”

“Ĉar mi atingis la Taŭon,” respondis Nü Yu.

“Ĉu mi povas lerni la Taŭon?” demandis Nanbo Zikui.

“Ne!” respondis Nü Yu. “Vi ne povas! Vi ja ne estas homo taŭga por ĝin lerni. Bu Liangyi havis la talenton de saĝulo, sed li ne atingis la Taŭon de saĝulo; mi atingis la Taŭon de saĝulo, sed mi ne havas la talenton de saĝulo. Mi volis instrui lin pri la Taŭo de

saĝulo, por ke li povu fariĝi saĝulo. Ĉiaokaze, devas esti pli facile instrui la Taŭon al persono kun la talento de saĝulo. Tial, kun koncentrita menso, mi komencis lin ilumini. Post kiam tri tagoj pasis, li jam kapablis meti la fizikan mondon ekster sin. Post kiam li metis la fizikan mondon ekster sin, mi daŭrigis la iluminadon. Post kiam sep tagoj pasis, li jam kapablis meti ĉiujn materialajn aferojn ekster sin. Post kiam li metis ĉiujn materialajn aferojn ekster sin, mi plu daŭrigis la iluminadon. Post kiam naŭ tagoj pasis, li jam kapablis meti sian vivon ekster sin. Post kiam li metis sian vivon ekster sin, li jam havis la menson tiel klara, kiel la bela tagiĝo. Post kiam li havis klaran menson, li jam kapablis percepti la unikan Taŭon. Post kiam li perceptis la unikan Taŭon, li jam kapablis transcendi la pasintecon kaj la nuntempon. Post kiam li transcendis la pasintecon kaj la nuntempon, li jam kapablis ignori la vivon kaj la morton. La Taŭo estigas la vivon kaj finas la vivon, sed ĝi mem neniam naskiĝis kaj neniam mortos. Ĝi ekzistas en ĉiuj estaĵoj en la mondo. Ĝi sekvas nenion. Ĝi ricevas nenion. Ekzistas nenio, kion ĝi ne detruus, nek kompletigus. Tio estas nomata "kvieto en malkvieto", t.e. malkvieto, kiu estigas kvieton perfektan."

"De kie do vi lernis la Taŭon?" demandis Nanbo Zikui.

"Mi lernis ĝin de la filo de Skribo," respondis Nü Yu, "kaj la filo de Skribo lernis ĝin de la nepo de Recito, kaj la nepo de Recito lernis ĝin de Sagaco, kaj Sagaco lernis ĝin de Kompreno, kaj Kompreno lernis ĝin de Diligento, kaj Diligento lernis ĝin de Deklamo, kaj Deklamo lernis ĝin de Profundo, kaj Profundo lernis ĝin de Malpleno, kaj Malpleno lernis ĝin de Senkomenco.

**§06-03**

Kvar homoj — Zisi, Ziyu, Zili kaj Zilai — havis inter si interparoladon. Unu el ili diris:

"Kiu ajn povas preni la neniecon kiel sian kapon, la vivon kiel sian dorson kaj la morton kiel sian pugon, kiu ajn opinias, ke la vivo kaj la morto, la ekzisto kaj la neekzisto, estas la samo, — tiu homo estos nia amiko."

La kvar homoj sin rigardis reciproke kaj ekridetis. Ili senvorte akordiĝis kaj fariĝis amikoj.

Post nelonge Ziyu falis en malsanon. Kiam Zisi lin vizitis, tiu diris:

"Kiel granda estas la Kreinto! Li kripligis min ĝis tia misformeco! Mia spino estas ĝibigita; miaj visceroj estas turnitaj supren; miaj vangoj tuŝas mian umbilikon; miaj ŝultroj estas pli altaj ol mia kapo; mia hartubero direktiĝas ĉielen."

La vitalaj spiroj de la jino kaj la jango en lia korpo ne plu estis en ekvilibro, sed li restis trankvila kaj senzorga. Lame paŝante al puto, li rigardis sian bildon reflektitan kaj diris:

"Ho ve! Kiel terure disformis min la Kreinto!"

"Ĉu vi sentas abomenon al tio?" demandis Zisi.

"Ne," respondis Ziyu. "Kial mi devus abomeni? Se mia maldekstra brako aliformiĝus en kokon, mi lasus al ĝi heroldi la tagiĝon. Se mia dekstra brako aliformiĝus en arbaleston, mi uzus ĝin por pafmortigi strigon kaj ĝin rostus. Se mia pugo aliformiĝus en ĉaron kaj mia spirito en ĉevalon, mi rajdus sur ĝi kaj ne bezonus havigi al mi alian ĉaron. Mi naskiĝis en la ĝusta tempo kaj mortos laŭ la destino. Se mi estas kontenta pri ĉio, kio okazas al mi en la ĝusta tempo, kaj sekvas la naturan vojon, tiam min influos nek la malĝojo, nek la ĝojo. Tia persono estis konsiderata de la antikvuloj kiel homo libera de ligiloj. Tiuj, kiuj ne povas liberigi sin, estas mense ligitaj de materialaj aferoj. Cetere, nenio ja povas triumfi super la Ĉielo — tio estas la ĉiama okazo. Kial do ni devus abomeni mian nunan situacion?"

Pli poste Zilai falis en malsanon. Spasme spiregante li estis proksima al sia morto, kaj liaj edzino kaj infanoj ploris ĉirkaŭ lia lito. Kiam Zili iris lin viziti, tiu diris:

"Silentu! Foriru de ĉi tie. Ne ĝenu lian transformiĝon!"

Poste, apogante sin kontraŭ la pordo, li diris:

"Kiel granda estas la Kreinto kaj la Transformanto! Kion do Li faros el vi? Kien li sendos vin? Ĉu li transformos vin en la hepaton de rato aŭ la flugilojn de insekto?"

"Kien ajn la gepatroj volas, ke ilia filo iru," respondis Zilai, "orienten aŭ okcidenten, norden aŭ suden, li devas sekvi ilian volon. La vitalaj spiroj de la jino kaj la jango estas tiel same gravaj por la homo,

kiel liaj gepatroj. Se ili kondukas min al la rando de la morto kaj mi ne sekvas, tiam mi estas malobeema. Je kio do ili kulpas? La tero dotis min per la korpo, ŝvite laboregas min, por ke mi min vivtenu; donas al mi maljunecon, por ke mi ĝuu la vivon senstreĉe kaj senzorge, kaj proponos al mi ripozejon, kiam mi mortos. Tial, bona estas la vivo, kaj bona ankaŭ la morto.

"Ni supozu la okazon, en kiu tre lerta fandisto fandus metalon. Se peco da metalo eksaltus supren kaj dirus: 'Mi devas fariĝi glavo tiel fama, kiel Mo Ye', la fandisto certe rigardus tion kiel malbonan antaŭsignon. Kaj nun, kiam la Kreinto hazarde donus al iu estaĵo la homan formon, tiu krius: 'Mi estas homo! Mi estas homo!', la Kreinto certe rigardus tion kiel malbonan antaŭsignon. Se mi prenas la ĉielon kaj la teron kiel fornegon kaj la Kreinton kiel lertan fandiston, tiam kiu loko do ne estas bona por mi kiel la restadejo, kie mi estos lokita?"

Dirinte tion li endormiĝis pace kaj baldaŭ vekiĝis komforte.

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang (Ĉinujo)**

# Ĉineske

**Jadranka Miric (Serbujo)**



## Printempa lunperlamoto

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Ora Lun'
brilas tut hele.
Admirega beleco.
Influas nin miele .
eĉ sangocele.

Naturon
savos ni certe.
Ĝoju diaj paŝtistoj.
Festu ni sciosperte
kaj bird' koncerte.

Aprilo
multkoloriĝas.
jen, ekfloris tulipoj.
kampflore odoriĝas.
Vazoj pleniĝas.

Verdiĝas
herbejo onde
fleksebla. Reviviĝas
kunvenoj, kluboronde.
esperant' monde.

Aprila
Luna vagado.
Vekiĝas sopirado.
Velura tagiĝado.
Amo florado.

## Larmas okuloj diaj

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Pluvgutoj
tamburadas ĉe
fenestroĵaluzioj.
Dekomence tre plaĉe
fine bruaĉe.

Morna tag'.
Kaŝis sin suno
sub la granda griza nub'.
Vetera fi fortuno
al homoj puno.

Inundis,
tertremis ĉie,
kvazaŭ malfermis ĉiel'.
Fidu je Dio pie,
preĝos ni tie.

Etendu
la manojn viajn.
sankta estu via nom'.
Savu nin de diablajn
malbenojn tiajn.

Kompatu
kaj indulgu nin,
kara Di'. Harmonigu
naturon. Gajigu min.
Via verda pin'.

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Zhuang Qixiong (Ĉinujo)



### Rendevuo

—laŭ ĉinesko Pusaman*

Floroj, lun' en nebulo.
Mi nokte al karulo
ŝtrumpe sur ŝtupar'
per man' por ŝupar'.

Mi tremis de ĝu'
en pentreja sud'.
Nur mi — tro rara !
"Karesu, kara!"

**Pusaman (Budhista Dancisto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 4 versoj de 7,7;5,5; / 5,5;5,5 silaboj kun para rimo*

### Nankino en Songô

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Ĝoj'
fuma sur sopira voj'
Mi flirtis
ĉirkaŭ verda roj'.

Flu'
rivera kun pluva bru'.
Mi ĝemis
pro soleca sku'.

Kor'
sufera en sonĝa hor'.
Al kiu
pri senveka plor' ?

### Penso en Printempo

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

**Floro**

Flor'
ne velkos por bela hor'.
Penplantu!
Kiel nub-kolor'.

**Teo**

Te'
kleriga gustas bone.
Senflora
vi vivos longe.

**Liro**

Lir'
diras ĉiun kun sopir'.
En mondo
intimula mir'?

**Ŝako**

Ŝak'
mirinda kun tigro,drak'.
Ĉe nigr-blak'
al mirakla brak'.

**Libro**

Glor'
de libroj, kun bonodor'.
Legado
ĉiam sen trezor'.

**Reto**

Ret'

trans spacon, kiel raket'.
Nur persist'
ne vent-pluva met'.

### Ĉinesko

Vi
versas kun belmelodi'.
Recitu
pro verka magi'!

**Dekses-Silabo (ĉine: Shiliuziling) : ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*




—laŭ ĉinesko Daolianzi*

En nokto
kun fluor'
mi lit-babilas per kor'
sol-sidas sen ĉagren'
nur bild-skriba bonodor'.

**Daolianzi (Kanto de Lavantino): ĉina fiksforma poemo el 5 versoj de 33,7,77 silaboj, laŭ rimaranĝo xa, a, xa (x=senrima)*

## Ĥristina Kozlovska






**(I)**

Kaj ĉio komenciĝis tute ne banale, ne tiel, kiel ĉe la plimulto de homoj. Ne pro la deziro donaci neprofiteme al iu amon kaj zorgadon kaj same akcepti ilian amon kaj zorgadon. Ĉar delonge venis al ŝi kompreno, ke sen ŝia amo ne nur la mondo, sed ankaŭ koro de eĉ unu persono ne haltos. Ĝis nun ŝi ne havis okazon renkonti homojn, kiuj postulus de ŝi tiun amon. Kaj interna nekomprenebla, probable denaska asketismo ne permesis vidi bezonon je aĵoj aŭ sentoj, kiujn ŝi ĝis nun tute ne bezonis. Sekve temis pri io alia, multe pli pragmata. Temis pri helpo, antaŭ ĉio al ŝi, kaj poste ankaŭ pri oportuna kunekzistado. Sed komence estis artikolo en loka gazeto.

**Kiel katinoj kuracas homojn**

... ili povas ĝuste determini malsanan lokon de homo kaj sanigi ĝin ... kuŝiĝas sur malsanan korpoparton, varmigas kaj masaĝas ĝin ... kreas specialan energian fonon ... senigas je depresio, sendormeco, hipertensio, artrito kaj eĉ infarkto, ... kuracas ginekologiajn malsanojn kaj problemojn de la spirsistemo ... kontribuas al pli rapida cikatriĝo de vundoj, forigas kapdolorojn ....

Ŝi simple fiksrigardis la artikolon legante la liniojn kun la listo de malsanoj, kiujn tiel facile povas kuraci simpla kato, kaj nur flugrigardis tiujn liniojn, kie temis pri la amo, kiun tiuj animaloj donacas al siaj mastroj, kaj pri tio, ke tiu kuracado okazas plej probable sur la psikologia nivelo, kaj ke tiu longa kaj klopoda procezo dependas ankaŭ de la mastro, kiu devas agordi kontakton kun animalo, se eblas tiel diri, fidi ĝin. Tiuj lokoj en la teksto pri amo ŝi perceptis kiel ĝeneralan fonon de ceteraj gravaj faktoj. Ŝajnis, ke "amon" homoj enŝovas ien ajn por fuŝmiksi la tekston ŝtopitan per datoj kaj eventoj, eble, ke ĝi ne ŝajnu tro malfacila por legado kaj posta asimilado (digestado?). Iom simile al tio, kiel oni trinkas akvon post solida nutraĵo por ne glutsufokiĝi. Kompreneble, akvo estas vivonecesa, oni ĝin ĉiam bezonos, tamen ĝi ja estas tia ... tia seneca, sen odoro kaj sen gusto. Amo por Nina estis akvo. Amo estas io sen odoro kaj gusto. En sia vivo ŝi neniam rimarkis ĝin. Sed eble amo falis sur ŝin kiel pluvo per etaj porcioj? Sed tiam amo estis ensorbata per ŝia korpo, kaj Nina denove nenie rimarkis ĝin. Tamen Nina jam kutimiĝis, ke homoj ofte agas tiamaniere rilate al amo, provas profiti de ĝi. Tial ĉion gravan por si en

la artikolo ŝi ekvidis, kaj la negravan ekvidis kaj forgesis.

Jam sekvatage Nina iris hejmen ne sola. Enkorbe kuŝis silentiĝinta timigita katino. Plenkreska individuo, neniuokaze katido. Nina ne havis eĉ plej etan deziron klopodi ĉirkaŭ la katido, manĝigante ĝin el boteleto, lerni ekskrementi en la sablon kaj, Dio gardu, ludi kun ĝi aŭ ĝenerale dediĉi al ĝi pli da atento ol necesas por kvieta kaj paca loĝado sur komuna teritorio. Do ŝi trovis tion, kion volis — jam ne junan katinon, kiun ne plu favoris ŝia mastrino, amikino de Nina, aŭ, pli ĝuste, kolegino. La katino jam delonge ĉesis esti freneza amuza kreitaĵo, kiu tutajn tagojn kuradis tien kaj reen tra la loĝejo, gratis tapetojn, pendis sur kurtenoj, amuzante per tio domloĝantojn, anstataŭe ĝi estis trankvila, indiferenta, iomete pigra kaj, kiel ŝajnis al ĉiuj, maljuna.

Survoje Nina vizitis vendejon kaj aĉetis senelekte iun katan nutraĵon, pretiĝante por plej malbonaj situacioj. La virino jam imagis al si terurajn bildojn de nekredebla sopiro de la animalo al sia ĝisnuna hejmo, al ŝi ŝajnis, ke ŝi jam aŭdas akran senesperan katan hurladon kaj eĉ supozis, ke finfine ŝi devos redoni la katinon.

Sed la vivo komencis donaci al Nina siajn misterojn. Komence donaci kaj poste jam malkovri ilin. Kaj la unua mistero iĝis Floro. Tiel nomiĝis la katino, kiun Nina ĝuste nun estis portanta en sia korbo en la loĝejon. Tiel ĝi nomiĝis denaske, kaj en la kapon de Nina neniam venus la penso nomi la katinon alie. Unue, Nina estis nekreema homo. Ŝia nekreemo atingis tiajn altaĵojn, ke simple elpensi nomon por la katinjo kaŭzis neimageblajn mensajn suferojn. Kompreneble, al ŝi venis la penso pri io simila al Ronrona, kaj Ronrona ĉiam kaj ĉie asociiĝis kun infanverseto pri Katinjo Ronrona (kie vi estis ...) kaj pro tio ŝiaj suferoj eĉ pli intensiĝis. La virino ne ŝatis rememori sian infanecon.

Nina elkorbigis la katinon kaj mem sidiĝis en malgranda kuirĉambreto. Ŝi rigardis vake, frotante sian dekstran genuon, kiu ankoraŭ survoje ekbrulis. Kaj ferminte la okulojn ŝi falis tra kelkaj etaĝoj en varman sukan someron, kiu estis plena de varmaj sukaj pomoj en la ĝardeno de ŝia avo. Jen estas pomarboj de la avo, kaj jen la najbaraj, kaj kiu dubus, ke sur la najbaraj pomarboj pomoj estas pli bongustaj. Jen estas la barilo inter la ĝardenoj, kaj jen super la barilo estas ŝi, ruĝa longkrura bubino — staras sur la maldika branĉo, tenas sin per ankoraŭ pli maldika maneto je alia branĉo, kaj per la dua tiras sin al tiuj pli bongustaj pomoj. Kaj tiam okazis tio, kio devas okazi en ĉiu paradizo, eĉ pli, se temas pri pomoj. Poste estis dolore kaj estis larmoj. Kaj la najbaraj knaboj ridegis ankoraŭ daŭre, vidinte ŝian sportpantalonon, kiu minacis malkudriĝi, tirite sur gipsobandaĝon sur la dekstra kruro. Kaj ĝuste la dekstra kruro, kaj pli ĝuste la dekstra genuo, reaganta al ĉiuj veterŝanĝoj, estis destinita al Floro, al ĝiaj nekredeblaj kurackvalitoj.

Sed tempo pasis, genudoloro ne ĉesis, kaj la katino plu sidis sur sia loko kaj ŝajnis jam dormeti. Nur nun Nina konsciis ridindecon de la situacio. Kiel povis ŝi, adolta virino, kredi la artikolon, kiu ŝajne estis destinita nur por okupi superfluan spacon sur la paĝo? Sed tamen Nina decidis provi alian varianton. Eble Floro sidas simple tro malproksime kaj ne sentas iujn tiajn ondojn, kiuj devus eliri de la malsana loko? Nina prenis la katinon kaj sursofigis ĝin apud si. Kaj poste — sur sian malsanan genuon. Floro dum kelkaj sekundoj vere ne moviĝis, sed poste trankvile stariĝis kaj kuŝiĝis, fleksinte sub si la krurojn sur la plej fora de Nina rando de la sofo.

Tiun tagon Nina sentis sin tre amare. Ŝi metis sur tiun katoterapion sian lastan esperon por resaniĝo. Nu, se ne por resaniĝo, do almenaŭ por dolorkvietiĝo, sed ĉio montriĝis vana. Jen tiel ili sidis, ĉiu en sia angulo, du

solecaj estaĵoj, indiferentaj por ĉiuj kaj indiferentaj al ĉio kaj dume indiferentaj unu al la alia.

***

Printempo jam delonge memorigis pri si, sed ne per verdaj folioj ekster la fenestro, ne per odoro de floroj, ne per kantado de birdoj. Ne, en ŝia urbo kiel la unuaj pri la printempo komencis paroli muroj. Post kelkaj pluvegoj printempo ŝtelpenetris la vestoreparejon per grizaj malpuraj ŝimomakuloj, kaj tiu printempo odoris tute ne romantike kaj ne favoris al disvastigo de fluidoj sur reprezentantojn de la malsama sekso. Do Nina plu sidis ĉe la fenestro sole, plene profundiĝinte en sian laboron. Se antaŭe iu el viroj havis okazon viziti por nelonge ilian atelieron, ili turnis sian atenton al Nina ne pli ol al malriĉa meblaro. Malnova seĝo, sur kiu ili kutime sidiĝis, vekis ĉe ili pli da intereso. Sed tio tute ne koncernis Nina-n, kaj ĝenerale malmulto koncernis ŝin en tiu ĉambro. Ŝiaj oreloj foje kaptis iajn strangajn aŭ laŭtajn sonojn venantajn de la strato tra la putraj fenestroj, sed mense ŝi delonge estis hejme. Nina pense revenis hejmen tuj, kiam ŝi venis al ŝia laborloko. Nun ŝia hejmo estis ja ne nur malgranda unuĉambra loĝejo, nun vivis en ĉi loĝejo iu, kiu atendis ŝin. Kaj tiu estis Floro.

La virino ne rimarkis, kiel ĉio okazis. Kiel okazis, ke tiu estajo eksignifis por ŝi pli ol ĝi devus. Nina rimarkis, ke ŝi ĝojas pri ĝia ĉeesto pli ol pri ĉeesto de ajna persono en sia vivo. Kaj tio tute ne timigis la virinon. Male, nun malmulto ŝin timigis. Ŝi sentis trankvilon ĉiumatene, kiam ŝi vekiĝis kaj vidis apud si Floron. Kaj ankoraŭ ŝi sentis trankvilon, kiam ŝi nokte ekdormis kaj aŭdis, kiel sur ŝian rufan hararon, disĵetitan surkusene, kuŝiĝis same rufa Floro kaj verŝajne kunfandiĝis kun ĝi. Nina eĉ provis imagi, kiel amuze tio povus aspekti. Kaj ankoraŭ Nina sciis, ke apenaŭ ŝi venas de la strato en la porĉon, Floro saltas de la sofo aŭ seĝo, kuras al la enirpordo de ilia loĝejo sur la kvina etaĝo kaj jam nenien de ĝi deiras, ĝis kiam ĝi finfine renkontos ŝin, Nina.

Kaj Nina vere vidis la katinon ĉiufoje, kiam ŝi malfermis la pordon. Ŝi ĵetis siajn sakojn kaj antaŭ ĉio prenis Floron en siajn brakojn. Kaj tiel estis ĉiutage, dum multaj tagoj, multaj monatoj. Nina ne maltrankviliĝis, ke jam tiel longe ŝi estas infane alligita al la animalo, ke en sia vivo neniun plu serĉas, nek bezonas. Ŝi simple neunufoje pensis, ke homoj ne povas esti tiaj kiel animaloj — simple ami, sendepende de io.



*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

Nun printempe la malsana genuo ĉiam pli tedis Nina-n, ĝi doloris tordate tiel kvazaŭ post lavado oni tordelpremas malsekajn vestaĵojn. Foje tiu teda doloro forprenis ĉiujn fortojn. Ŝi povis fari nenion, nur sidis kaj frotis sian genuon per diversaj ungventoj, kiuj kvankam helpis, sed ne por longe. La tutan tempon Nina pacience atendis, ke Floro iam aliros kaj tamen kuŝiĝos sur la malsanan lokon kaj tiam ŝi ne plu devos fari tiujn sensencajn procedurojn kun medikamentoj. Sed Floro, kio estis sufiĉe strange, neniam faris tion. Iam (Nina jam ne memoris kiam kaj kie) ŝi aŭdis, ke katoj sentas, kiam al homo estas vere malbone, kaj nur tiam helpas. Nina pensis, ke jen nun estas tiu momento, ĝuste nun al ŝi estas tre dolore kaj ĝuste nun ŝi kiel neniam

bezonas helpon. Sed helpo ne venis de ie, do al Nina nenio plu restis ol simple plu atendi. Kaj ŝi atendis.

— Nina, vi ja estas strangulino — diris Maria, kolegino de Nina, kiun ial incitis tia, laŭ ŝia opinio, malsaneca alligiteco al la animalo. — Vi devas krei familion, ekhavi infanojn. Finfine, vi bezonas homon, sed ne katinon.

— Sed mi ofte ne komprenas homojn — naive respondis Nina. — Sed katinoj... ili estas multe pli simplaj, ili...

— Sed vi estas ja homo, Nina, vi estas virino, kaj por virino estas eĉ pli grave, nekredeble grave ne esti sola. Ĉar esti sola dum maljuneco estas neelteneble, kaj maljuneco ne estas tiel malproksima.

— Sed mi ja ne estas sola, Maria, kaj maljuneco, mi opinias, ne estas tiel timinda.

Maria ne sciis, kion ŝi povas respondi al Nina al ŝiaj lastaj vortoj, do lasinte ŝin agi laŭ sia bontrovo, ŝi reekokupis sin pri sia laboro.

Kaj Nina vere ne tre timis maljunecon, kaj eble tute ne timis. Ja kial homoj timas maljunecon? Antaŭ ĉio ili timas ŝanĝojn. Ili timas, ke post ĝia alveno io ŝanĝos definitive. Sed la vivo de Nina estis ĉiam egalritma kaj monotona, ĝi fluadis per homogena maso tra ŝia viva, tute rekta (ne kurba, kiel estas kutime dirate en paroladoj dum studfinaj festoj) vojo, kolorigante ĉion ĉiam neŭtralkolore. Ŝiaj infanaĝaj ambicioj ne tro diferencis de la ambicioj de juneco, kaj tiuj siavice — de la ambicioj de matura virino. Kaj samtempe ŝi ne estis infaneca, naiva aŭ sensprita. Simple ekde infanaĝo ŝi alkutimiĝis ne nutri sin per ĥimeraj iluzioj, ne kombini fantaziajn planojn, ne aspiri al io tre forte. Nina scipovis esti simpla en ĉio. Ŝi estis simpla en rilatoj kun homoj, en rilatoj kun la vivo. Ŝi neniam postulis de ĝi ion pli grandan ol ĝi estis donanta al ŝi en ĉimomente kaj samtempe volis, ke ankaŭ vivo rilatu al ŝi same.

Nina ne ŝatis elprovi sorton, ŝi ne ŝatis eĉ aŭskulti pri fremdaj elprovoj. Iufoje ŝi pensis, ke eble tiuj homoj estas mem kulpaj pri siaj problemoj, ĉar kiam vi petas vivon pri io pli granda, tiam ĝi povas postuli de vi la samon. Do la infanaĝo de Nina transfluiĝis tiel glate, tiel nerimarkeble en la junecon, ke ŝi ŝajnis esti ĉiam fraŭlino kaj neniam knabino. Kaj poste same alvenis matureco, kaj nun ŝi ŝajnis esti ĉiam virino kaj neniam fraŭlino. Kaj la samon ŝi atendis de maljuneco. Dirante pli ĝuste, Nina sciis, ke nenio ŝanĝiĝos, ŝi estos la sama, kaj ĉio ĉirkaŭe restos la sama, almenaŭ sur ŝia teritorio, en ŝia loĝejo. Nina scipovis ĝoji pri la hodiaŭa tago, ŝi ĝojis pri florantaj arboj, varmaj matenoj, kiujn ĉiam pli ofte anstataŭigis la malvarmaj, bongusta manĝaĵo, bonaj filmoj, sed pleje Nina ĝojis pri ĉeesto de Floro. Ŝi apenaŭ povis imagi la vivon sen ĝia lanuga varma korpeto sur ŝiaj brakoj. Kaj, kio estis plej grava — Nina mem sentis, kiel Floro bezonas ŝin, kiom grava ŝi estas por ĝi.

*Elukrainigis*

**Petro Palivoda (Ukrainio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400023, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_